


# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO DE
GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.

9-a JARO, N-ro 7 JULIO 1930

## Tarifo de la abonprezoj.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉeĥ. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | draĥmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | skud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer“, Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.

Mi serĉas materialon por germanaj gazetoj kaj pagas honorarion por taŭga kunlaborado. Do havigu pere de Esperanto el la tuta mondo mem verkitajn aŭ el gazetoj tradukitajn verkaĵojn: novelojn, anekdotojn raportojn pri strangaj okazintaĵoj, arto, scienco ktp. kaj sendu ilin german- aŭ esperantlingve al

F. W. Mischke, redaktoro, Radeberg, Sa.,

## Agentoj de TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En landoj:**

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex. |
| Aŭstra: | Fr. Kurtisch, Sechshauser Str. 71, Wien XIV, poŝtĉekkonto B 72 487. |
| Belga: | Prof. Paul Bouts, école norm. cath., Eirlemont. Poŝtĉekk. 118 656 Thienen. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉeĥoslovaka: | Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin. |
| Ĉila: | E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago. |
| Estona: | Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn. |
| Franca: | M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret. |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona. |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Java: | K. Wirjosaksono, Klaten. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petroviĉ, Beograd, Kosmajska 47, stan. 4. |
| Latva: | S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11. |
| Litova: | A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR). poŝtĉekkonto: 90 544. |
| Norvega: | Nils Okland, Rommesveit. Stord. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom., poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan). |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo. |
| Sveda: | Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6 Stockholm, poŝtĝiro 50 304. |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo. |
| U. S. A.-a: | David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor. |

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

9-a jaro. Julio 1930 Numero 7

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Administr.: KARL KRÖBER, Weststr. 4, Riesa/Elbe, Germ., Poŝtĉekk. Dresden 110715
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo




## Pri kompleksa instruado (= Gesamtunterricht).


Johs. Kurt Haubold, Riesa-Gröba, Germanlando.


I.

Kompleksa instruado ne estas instrumetodo, kiu estas kreita sur la skribtablo de iu ajn „reformpedagogo" aŭ de kelkaj instruistoj troreformemaj. Sed eble tion opinias granda amaso da homoj, kiu okupis sin neniam aŭ nur malofte pri spiritsciencaj demandoj, sed kiu supozas, ke ĝi scipovu juĝi pri lerneja kaj eduka demandoj kaj ke ĝi estu kapabla, kritiki tiajn demandojn ĉiam sendube, trafe, senlimige, ĝuste, ĉar ĝi mem iam vizitis iun lernejon dum kelkaj jaroj. Ĝi konsistas plejparte el edukrajtigitoj kaj devigitoj al eduko, sed la plejmulto ne estas konscia pri la graveco kaj pri la amplekso de la taskoj, kiujn ĝi devus plenumi laŭ tio. Ni instruistoj ja povus teni nin seninteresaj rilate al la juĝo de tiuj ĉi homoj, ĉar ni estas konvinkitaj pri la vero de nia aserto. Sed ni ne volas fari tion; ni volas ankaŭ pruvi, ke la kompleksa instruado ne ekestiĝis per volo kaj deziroj personaj. La kaŭzo de la klarigo ne estas la zorgo pri nia reputacio kaj nia famo — oni ja ofte aŭskultas ligite kun la kritiko pri tiu demando la riproĉon pri pedagogaĉeco kaj ke la instruistoj supozas ke ili estas sciantaj ĉion pli bone kaj pli ĝuste — sed pli vere la zorgo pri la lernejaj taskoj mem kaj iliaj rilatoj al la tuta kulturo. Multaj ja hodiaŭ estas konsciaj pri tio, ke la lernejo nur povas plenumi siajn taskojn, se ĝi konservas konekson kun la gepatra domo, kaj ke tiuj ĉi taskoj senpere devas rilati la vivordon de la socio, al kiu ĝi apartenas. Tiu provo signifas ne nur korekton de eraraj opinioj publikaj, sed ĝi devigas nin mem konsciiĝi pri la bazoj de nia profesia laboro. Per tio

ni akiros la necesan certecon pri nia agado, kaj estos eble esplori la necesecon, pravecon kaj ĝustecon de unuopaj rimedoj aplikataj.

La kompleksa instruado estas plejmulte postulata laŭ la observadoj pri la disponoj kaj kapabloj de la infano, pri ĝia pensmaniero, la kielo de ĝia observo kaj percepto, ĝia konduto dum ludo kaj memokupiĝo, pri ĝiaj vivrilatoj, la interrilatoj al ĝiaj kunludantoj kaj lerngekamaradoj, al plenaĝuloj, pri la uzado de libroj, gazetoj, bildoj, kolektoj. La observitaj faktoj, kontrolitaj kaj konfirmitaj multokaze per eksperimentoj, povas alkonduki nin al la instrua tekniko. Sed tiuj observoj estas faritaj ankaŭ jam pli frue ĉe aliaj instrumetodoj, sen ŝanĝi ilin, t. e. nature nur rilate al ilia fundamenta motivado. Miaopinie ankaŭ ne amase ili estus estintaj kapablaj fari tion. Tia „leĝdonpovo“ (= Eigengesetzlichkeit) de la lernejo ne ekzistas.*) Ĝi estas plej intime ligata al kaj destinata per la privataj ideoj kaj la vivesprimoj de la socio portanta ĝin, ĉu partio, profesia grupo, popolo, ŝtato. Scienco kaj arto, ekonomio kaj politiko, publika opinio kaj ŝtata potenco formas ĉiuj siaparte la lernejon. Ĉi tie, en tiuj ĉi vere „lernejfremdaj“ sferoj ni devas ankaŭ ĉirkaŭrigardi, se ni volas kompreni kaj respondi formojn, problemojn, demandojn pri la lernejo.

II.

Kiu instrua metodo regis antaŭ la kompleksa instruado? Ni observis treege ampleksan disiĝon de la instruo en unuopajn fakojn, ĉiaman plenigadon de la instruplanoj per akcepto de novaj temoj, penigadon pro kompleteco kaj sistemeco, kiujn la unuopulo ne plu povis plenumi. (Praktike ja tio estus estinta ebla, sed ne laŭ la fundamenta postulo.) La sekvo de tio estis la ĉiam pli granda akcepto de la fakinstruista sistemo ankaŭ en la popollernejo. Ni devis observi, ke oni dungis fakinstruistojn ne nur por instrufakoj, por kiuj senproteste aŭ almenaŭ parte ŝajnas komprenebla la postulo al difina scipovo de la instruanto, ekz. por la instruo pri fremdaj lingvoj, kantado, desegnado, korpaj ekzercoj. Sed oni ankaŭ postulis instruistojn por aliaj fakoj, ekz. por la naturpriskribo. Kaj ĉe la pojara disdonado de la lecionoj en pli grandaj lernejoj triumfis la fakinstruista sistemo: La unu opiniis, ke li ne estas kapabla instrui geometrion; la alia instruis en la diversaj klasoj historion; la tria estis la sole taŭga instruisto por fiziko ktp.; ja eĉ por la kaligrafiaj ekzercoj oni postulis tie kaj tie specialajn kvalitojn. Oni devas konfesi, ke per tiu sistemo la instruado donis multege da speciala scio — atestantoj de tio estas la libroj pri realistaj scioj, notkajeroj, libraĉoj por ripetaj demandoj, la preparitaj lecionoj, presitaj por la uzado per la instruistoj, — ke estis kolektataj multege da unuopaj konstruŝtonoj, sed mankis la plano kunīga, la sencoplena asociacio, la kuntenigaj rilatoj, la sintezo.

Sed tiu ĉi fakto ne nur estis limigata al la popollernejo. Ĝi trovis nur tie sian sekvon per la diritaj instrumetodo kaj didaktiko. Per si mem ĝi estis same signo de la tuta scienco. „Tiu disfendiĝis ĉiam kaj ĉiam en apartajn sciencojn kaj la apartaj sciencoj siavice disfendiĝis pli kaj pli en skolojn. Ĉiu el tiuj ekagis laŭ propraj premisoj, pli aŭ malpli sendepende kaj ignorante la aliajn. Hodiaŭ ekzistas ankoraŭ viroj kun vasta rigardo, kiuj superrigardas kaj kritikas instruon kaj intencon de pluraj skoloj. Sed dum kiom da tempo estonta?“ Tiamaniere scienculo (Wolfgang Schumann) karakterizas

*) Dum la nuna evolua epoko. — Rimarko de la redaktoro.

la staton. La saman karakterizon ni trovas en verko de L e o F r o b e n i u s »Vom Kulturreich des Festlands« (Pri la kultura regno de la firma tero) — 1923, pĝ. 9. Ni elĉerpas jenajn frazojn: „Ne plu ekzistas **u n u** scienco, **l a** scienco, sed ekzistas nur sciencaj branĉoj. Per la dispartiĝo de la universitato en fakultatojn kaj en specialajn sciencojn estas atingita la necesa esprimo por la finfazo de la pasinta kulturperiodo. — Kaj ĉiu rigardas en la kadro de sia horizonto. — El tio rezultas, ke la plej multaj el tiuj, kiuj volis percepti la ĝeneralon, ne povis liberigi sin de la unuflankeco. Fakte la timo de la amasigita scienca materialo estas tiom ege grandega, ke per ĝi specialisto estus subpremota, se li ne elirus de la pinto de sia unuflankeco. Refoje estas plektita gorda nodo. Ĉiu bobenado ne plu povas malnodi ĝin. La pasinta periodo ne kapablis vidi la tuton kiel unuaĵon, ĉar ĉiu eliris de el la detalaĵo de la multoblaĵo, ĉar ili ĉiuj helpis interplekti la nodon, kaj tamen nun povas okazi la malnodo." Kaj ni observis jam pli ol unu pruvon. Kiu rigardas la verkaĵojn de la scienco kaj arto, aŭ kiu ekzamenas la eldiritajn pensojn de la politikaj ekonomiistoj, tiu ekkonos laŭ multaj aĵoj ilian enhavan fizionomion, tute alian ol dum pli fruaj jardekoj. Montriĝas en ili volo al komplekso, al kunigo de la unuopaj partoj; estas serĉata sintezo en la ĥaoso de unuopaj faktoj kaj rezultoj de la esploro.

Ni observas, kiel idealisma filozofio ĉiam pli kaj pli disvastiĝas, kiel sekvo de tio cetere pli vastaj rondoj okupas sin pri filozofio, kiuj ne povis rilati al la antaŭa filozofio analiza kaj materialisma. Kaj ni plu povas observi pruvojn, tiun ĉi filozofion forigi el la rilatoj de nura scienca spekulacio kaj utiligi ĝin por la vivkondiĉoj de grandaj socioj. En kiom da verkoj estas varbata por la penso pri „germana idealismo"! Al tio apartenas la paneŭropaj celadoj kaj ne laste la t. n. „14 punktoj de Wilson" kaj la konstruo de Ligo de Nacioj Ŝajnas, ke la analiza psikologio de la elementoj estas anstataŭota per struktura psikologio, havanta sintezan karakteron. Estu nomataj »Grundriss« (elementoj) de W u n d t kaj »Lebensformen« (vivoformoj) de S p r a n g e r kiel pruvantaj polusoj kontraŭaj. Ĉu la ekspresionismo en reprezentaj artoj kaj literaturo fine estas io alia ol la penado atingi kunigojn, kompleksojn kaj totalaĵojn? Tion montras al ni imprese la moderna ligno-gravurado. Ankaŭ la kompara rigardo ekzemple al la portreto pri la patrino de R e t h e l (germana pentristo) kaj al iu portreto de K o k o s c h k a , al iu poemo el la periodo naturalisma kontraŭe al iu de D r o e m s igas ekkoni tion sendube. Ĉu la saman trajton ne havas la priekonomiaj teorioj de R a t h e n a u , kiuj kontraŭstaras al la dispartiga teorio de la ekonomipolitika liberalismo, karakterizata per la esprimo „laisser faire, laisser passer" (lasu fari, lasu fariĝi)? Oni plu raportis al mi, ke la disigaj bariloj pli kaj pli falas inter la moderna ĥemio kaj fiziko, kaj ke en ambaŭ sciencoj la penado celas al tio, malkovri komunaĵojn. Ni nur bezonas mencii kiel pruvon por niaj asertoj »Untergang des Abendlands« (Pereo de l' okcidento) de S p e n g l e r , kiu ja plentute estas konstruita laŭ la intenco, krei kunigojn inter la multaĵaro.

Kvankam tiu ĉi verko estas atakata ankaŭ tiom multe, sendube ĝi karakterizas la percepton de nia periodo. Oni ankaŭ ne povas kontesti, ke la verkinto per sia vigla priskribo, sia flua, bildriĉa stilo alkondukas facile kaj klare al la problemo diskutata, kiun oni per tio reekkonas facile kaj senpene en aliaj verkoj.

Per la penado trovi kunigojn, per la subordiĝo de la unuopo al grandaj pri-

rigardoj, per la ligado de la multobleco al sencodona sintezo ni do sciiĝas pri la kerno de la percepto de nia periodo. — Kaj ĉi tie ni trovas la radikojn de nia instruformo nuna, kiun ni nomas „kompleksa instruado". Ĝi eniras kun la priparolitaj pensoj, verkoj kaj efikoj en la saman vicon, ĝi estas same sekvo de tiu ĉi pozitiva pozicio kiel idealisma filozofio aŭ struktura psikologio aŭ kulturfiziognomiko. Per tio ni ekkonas ĝian kernon karakterizan kaj estas samtempe konsciaj pri tio, ke ĉiuj perfektaĵoj kaj malperfektaĵoj ankaŭ koncernas ĝin.

III.

Post tio ne estas necese akcenti, kion tiu pozicio signifas por ni. Sed necese estas, esti konsciaj pri certaj malperfektaĵoj. La formulon por la komplekso, la kunigon de longaj vicoj, de grandega amaso da solaj faktoj kaj solaj rezultoj de iu ajn scienco oni povas uzi nature facile, per ĝi oni povas debati sen kono de la faktoj, kaj tiam ĝi estas ankaŭ uzata kiel bazo por iuj praktikaj efektivigadoj, sed bedaŭrinde okaze de naiva senpremiseco. Sed por eviti tiun ĉi danĝeron, estas sendube necese, post la ekkapto pli aŭ malpli intuitiva de la tuta komplekso reiri paŝon post paŝo kaj zorgi pri plej severa kritiko analiza k a j kontraŭ la pozicio rilate la tutan instruformon k a j dum la paso de la laborprocedo.

La unua ĝenerala demando rekte devas teksti jene: Kie ni do trovas la sintezon? La saksa provizora leĝo por la popollernejoj de 1919 en sia plenumdekreto diras, „ke la instru- kaj ekzercfakoj estu kunigataj laŭ instrusciencaj postuloj celante unusisteman formon de la instruado." Tio povus okazi por la plej malsupraj klasoj laŭ tiu maniero, „ke unu fako okupu superregantan pozicion en la tuta instruo de la klaso." (Estu rimarkigite, ke tiuj frazoj samtempe pruvas, ke bona leĝo ĉiam estas karakterizata per la percepto siatempa.) Se oni legas tion, tiam multaj povus supozi, kaj multaj ankaŭ faras tion, ke tiu kunigo nur rilatu la instruan materialon. Okaze povas esti, sed ne estas la ĉefaĵo. Per tio ni tute ne sukcesus, liberigi nin de la malnova ĥaoso. Oni nur ekzemple alportu la laboreblaĵojn, kiuj povas grupiĝi ĉirkaŭ iu ajn temo. La sekvo estus, ke ni dronus en la materialo; amasego da detalaĵoj, riĉa amaso da scio estus pretaj al perado, kaj tamen la demando ne estus solvata: Por kiu celo ĉio okazas? Ĉu tiu ĉi kunigo posedus valoron en si mem? La instrusciencaj postuloj, laŭ kiuj oni kunigu, devas rilati ankaŭ alian. Estas parte ankoraŭ malfacile, elmontri ilin, ĉar ili ankoraŭ ne estas fiksitaj laŭ tiu grado, ke oni povus labori per ili kaj apliki ilin sen pluaĵo. Jen per tio ni ekkonas, ke la analizo parte devas sekvi al la sinteza formuligo. Granda parto el la instruistaro alproksimiĝas al tiuj demandoj kun la malmoderna metodiko kaj malmoderna didaktiko, kaj per tio ne estas kapabla solvi ilin. De la moderna didaktiko ni havas ĝis nun nur komencojn kaj fragmentojn. Evolui ilin, estas necese senkondiĉe, por kontraŭbatali al la „ĥaosiĝeco". Ĝi, la moderna didaktiko, kaŭzos neniakaze novan skemecon kaj laŭrutinecon, sed ĝi donos al la granda amaso la teknikon, kiun la majstro de la lernejo majstras laŭimpulse, intuicie. Same ne estas eble senproteste, apliki la partajn rezultojn de la lernejoj kaj klasoj eksperimentaj; ĉar ili ja nur pli aŭ malpli rilatas al la premisoj, kiuj parte diferencas grave de tiuj de

la normala lernejo. Laŭ mia opinio la eksperimentaj lernejoj tamen plenumas sian taskon, ĉefe ankaŭ per tio, ke ili per la rezultoj de sia laboro donas instigojn kaj taskojn al la ĝenerala lernejo, kiuj tamen de ĝi estu pritraktotaj kritike laŭ multaj praktikaj aplikadoj. Tiamaniere el tia interrilata laboro inter eksperimentaj kaj ĝeneralaj lernejoj rezultos la moderna didaktiko.

Jam nun ni serĉas kaj trovas instrusciencajn postulojn ĉi tie pridemandatajn interalie en la disponoj de la infano, en la porlabora stato de la klaso, en lokaj kaj tempaj cirkonstancoj. Senpene oni povas eltrovi ilin el la raportoj pri instrua praktiko, tiel ke ĉi tie ne estas necese priskribi diversajn ekzemplojn. Kiel ni elmontris, la kunigo en la instruado kompleksa ne sole povas okazi laŭ la instrumateriala vidpunkto. Nature la instrua laboro ĉiam rilatas al la materialo, sed ĝi ne estas la ĉefaĵo. Ankaŭ dum aplikado de la modernaj didaktiko kaj metodoj ĉiam estos celotaj certa kvanto da scioj, certa trezoro da konoj, sed ne por si mem, sed kiel iloj por akiri plivastigendan kleron.

La saksa provizora leĝo porlerneja montras al ni, kie ni devas serĉi la sintezon, dirante, ke la instruado en la popollernejo estu laŭ sia tuta maniero hejmlandeca kaj popolara. Ĉi tie por ni kuŝas la karakteriza kerno. Signifo de la kunigo estas la interrilatoj inter infano kaj instrua materialo. Subjektiva motivo kuŝanta en la infano kaj ne en la instruisto direktas la elekton kaj kunigon instrumaterialajn. Inter infano kaj materialo devas ekzisti persona rilato. Tio estas nepre la novaĵo de nia moderna didaktiko. Al la primilita, politika kaj kabineta historioj instruitaj kutime antaŭe, la infano plej ofte ne rilatis intime; ĝi kontraŭstaras ilin ofte kiel fremdaĵon kaj krome malagrablaĵon, ĉar la lernejo ankoraŭ postulis de ĝi, ke ĝi memoru la datojn kaj faktojn. Same montriĝis la aliaj instrufakoj. Kion signifis al saksa infano la limo de Persio, la alfluoj de iu ajn eksterlanda riverego, kion la abstrakta teorio pri la klinita ebeno kaj aliaj sennombraj demandoj? La multego da konoj montris al la infano mondon, al kiu ĝi kontraŭstaras fremda, kiun ĝi ne scipovas kompreni. Estis kreita en la infano kontraŭeco. Ĉi tie mi — tie la mondo, al kiu la lernejo alkondukas min, kaj kiu estas fremda al mi. Tio aliiĝos, se ni trovas kunigon, sintezon inter materialo kaj infano, ke la rilatoj de la infano al la mondo ĉirkaŭanta ĝin estu eliro kaj poluso de nia instruo. Tiu ĉi instruado alkonduku al tuteco en la infano. La montrita kontraŭeco cedas al la kun- kaj ensento kaj al la scio rilatanta: La mondo ĉirkaŭ mi estas **mia** mondo, ĝi estas ankaŭ la mondo **en mi**.

Tiu ĉi sintezo entenas ankaŭ sendube gravan progreson laŭ morala rilato. La fadenoj, kiuj ligas min al la mondo kaj la mondon al mi, estas tiom mallongaj kaj densaj, ke perturbo sur unu flanko devas kaŭzi perturbon sur la alia. Tiu dependeco efikas ĝis la plej malgrandaj detalaĵoj: Por ke mi povu sidi en varmigita ĉambro, la ministo devas peni laboregante; por ke mi povu min vesti, miloj da manoj agas por mi, ŝipoj fendas la oceanon, trajnoj rapidegas trans la landoj. Se mi kune kun miaj kunuloj ne plenumas mian devon, aliaj devas suferi pro tio. Nia instruado alkonduku al la konsciiĝo pri solidareco kaj kuneco. Tiamaniere aspektas la kompleksa instruado, al kiu la lernejo devas celi, al la sencoplena kontakto inter mondo kaj infano, inter klerigaĵo kaj la klerigenda homo.

Kaj tiu ĉi maniero de la instrua karaktero postulas alian instruan teknikon kompare al la antaŭa. Ĉar la infano estas persone interesiĝata, estas vekata

la infana agemo. Ĝi deziras percepti la mondon per s i a j fortoj. Memagemo estas karakteriza signo de la moderna lernejo. Se ni el tiu kialo eble diras pri instruadoj kompleksa kaj perlabora, tiel ni verdire ripetas, amasigas la esprimon sennecese. Kompleksa instruado, kian ni prijuĝas, tute ne povas okazi alie ol per infana laboro, t. e. memagado, aŭ alie ni disŝiras la intimajn rilatojn, kiuj ekzistas. La postulo al memagado estas neceseco laŭ la tuta motivado: E s t a s m i a m o n d o , e n k i u m i v i v a s , k a j k i u n m i p o v a s p e r c e p t i p e r m i a j p r o p r a j f o r t o j k a j k i u n m i p o v a s m i a p a r t e f o r m i p e r p r o p r a f o r t o .

---

# La daŭriga fundamenta (unuagrada) instruo en Nederlando.

E. J. Boltjes, Winschoten, Nederlando.

Dum multaj jaroj la fundamenta lernejo en Nederlando estis s e s j a r a . Kiam mi estis knabo, la minimuma aĝo estis kvin jaroj. Sed poste oni plialtigis tiun aĝon ĝis almenaŭ kvin jaroj kaj duono.

En kelkaj urboj post la sesjara unuagrada lernejo la lernantoj estas maturaj por la liceo (reala lernejo aŭ gimnazio). Tiaj lernejoj, preparante la infanojn per sesjara instruo por la liceo, ne estas popollernejoj, tute ne, ili estas destinataj por la infanoj de la pli altaj sociklasoj. Sed kie oni ne posedas tiajn lernejojn, la geknaboj estas kutime instruataj dum sep jaroj antaŭ ol atingi la duagradan lernejon.

Depost kelka tempo preskaŭ ĉiuj lernejoj nun estas sepjaraj*). Oni spertis, ke sesjara popollernejo ne sufiĉas por kiu ajn. Oni sentis, ke nia popolo estus superataj de la najbaraj, se ni ne plibonigus la popollernejojn.

Antaŭ la jaro 1862-a ekzistis en Nederlando multaj pensionlernejoj, kie oni instruis la lernantojn, kiuj finlernis en unuagrada lernejo. Sed tiam laŭ propono de la konata liberala ministro Thorbecke, la parlamento akceptis leĝon, kiu aranĝis la duagradan instruon.

Multaj tiaj lernejoj nun estiĝis en grandaj kaj ankaŭ en mezgrandaj urboj de ekzemple dekmil enloĝantoj. La plimulto de la pensionlernejoj nun malaperis, ilia funkcio nun estis prenata de la duagradaj lernejoj.

Nur en la romkatolika parto estas ankoraŭ granda nombro.

Iom post iom en malgrandaj urbetoj kaj en grandaj vilaĝoj oni bezonis lernejojn, kie infanoj, ne bezonante la kvinjaran duagradan instruon, povis akiri la necesajn sciojn kaj konojn. Krom tio por pli malgrandaj lokoj la duagradaj lernejoj estis tro multekostaj. Ili ja havas pli ol dek profesorojn. Kompreneble en grandaj urboj oni ankaŭ havis lernantojn, por kiuj la duagrada instruo estis tro scienca, do tro malfacila.

En la komenco de la dudeka jarcento oni bezonis multajn oficistojn aŭ pli altajn laboristojn (por poŝto, fervojaro, dogano, komunumsekretariejoj, ktp.),

---

*) Rimarko redakcia: Nederlanda leĝo malpermesas laboradon de infanoj malpli aĝaj ol 14 jarojn.

por kiuj duagrada instruo ne necesas, sed por kiuj nura elementa instruo tute ne sufiĉas. Ankaŭ butikistoj, metiistoj plian instruon urĝe bezonis.

Tial estis fondataj multaj lernejoj, plenumontaj tiun taskon. Ordinare ilį estis tri- aŭ kvarjaraj (kompreneble post sesjara fundamento). Kelkfoje (komence eĉ tre ofte) ili troviĝis en unu konstruaĵo kun unuagrada lernejo, kaj ofte havis la saman direkton. Tiaokaze oni do havis naŭ- aŭ dekjaran lernejon.

Komence la registaro ne donis sufiĉe da subvencio. Sed malgraŭ la parlamenta malfavoro la nombro de tiuj lernejoj ĉiam pli kreskis. Tiam la registaro decidis doni subvencion al la jam ekzistantaj lernejoj, sed ne al novaj. Tamen ĉiam novaj aperis, fondataj de komunumoj aŭ de unuiĝoj.

En la historio de la Nederlanda instruado la jaro 1920 estas gravega. Tiam nova leĝo, proponita de ministro De Visser, estas aprobita. Ĝi nove aranĝis la unuagradan instruon. Pro du faktoj la nova leĝo havis grandajn sekvojn.

En nia lando oni havas lernejojn, fonditajn de komunumoj, (la publikaj) kaj aliajn, kiuj apartenas al unuiĝoj sub la influo de la diversaj eklezioj. Komence la lastaj ricevis nur malgrandan subvencion.

Sed de 1920 la lastaj ricevas de la ŝtato ĉion, kion ili bezonas. La sekvo estis kompreneble eksterordinara plimultiĝo de l' ekleziaj lernejoj. Mi konas komunumon kun 18 000 enloĝantoj (dekok mil), kie oni havas ĉirkaŭ 25 (dudek kvin) unuagradajn lernejojn. Tial la instruo fariĝis tre multekosta.

La sama leĝo plibonigis ankaŭ la kondiĉojn por la daŭriga unuagrada instruo.

Por lernejo kun 25 lernantoj la ŝtato de nun pagis la salajron de tri instruistoj. Tia lernejo kun kvardek aŭ kvindek lernantoj rajtis havi kvar instruistojn.

Sed dum la granda socia krizo, kiu turmentis ankaŭ nian landon, la registaro limigis la instruistaron de la lernejoj. Pro tio la lernantaro de multaj klasoj fariĝis tridek ĝis kvardek, kelkfoje eĉ superis kvardek. Facile oni komprenas, ke tia nombro estas multe tro granda por klasoj, en kiuj oni instruas la tri modernajn lingvojn, algebron, geometrion, librotenadon, ktp.

Lastatempe la parlamento iom malplialtigis la lernantoskalon.

Por la daŭriga fundamenta instruo la jaro 1907 estas gravega. Tiam laŭ instigo de s-ro Borren, lernejestro en Breda, oni fondis la tiel nomitan MMLO-ekzamenon. Ĝi estas por tiuj, kiuj finstudis en daŭriga lernejo. Ĝis tiam la priparolataj lernejoj estis tre malsamspecaj. Ĉiu lernejo unuope donis ateston pri ĝisfina studado, sed la valoro de tia atesto nur loke estis granda; en aliaj urboj oni tute ne sciis kiel taksi ĝin. Ĉe la duagrada instruo la afero estis tute alia, ĉar la programo de la laste nomitaj lernejoj estas fiksita por la tuta lando. Kaj la skribaj taskoj por la fina ekzameno estas donataj por la tuta lando.

De s-ro Borren estas la iniciativo kunvoki kelkajn lernejestrojn por priparoli kion fari. Oni decidis verki ekzamenprogramon. Tiel okazis. Do, unue en 1907 en la urbo Utrecht, la geografia centro de nia lando, kunvenis 27 kandidatoj por pruvi, ke ili bone studadis. La ekzameno postulis proksimume tiom da scioj kaj horoj kiel la tri unuaj jaroj de la duagrada instruo. Tio valoras speciale rilate al la B-diplomo. Por la A-diplomo sufiĉas malpli da geometrio, algebro kaj fiziko.

La B-diplomo do taŭgas por tiuj, kiuj volas daŭrigi sian studadon en aliaj lernejoj, kiel duagrada teknika aŭ pormarista lernejo, ktp. Kelkaj lernantoj, akirinte la B-diplomon, transiras en la kvaran jaron de reala lernejo (duagrada).

La nova diplomo baldaŭ akiris multajn rajtojn. Post kelkaj jaroj ĝi posedis proksimume la samajn rajtojn kiel la diplomo pri trijara duagrada instruo.

Por multaj oficoj oni nuntempe postulas en nia lando MMLO-diplomon aŭ trijaran duagradan instruon kiel studfundamenton. Ĉi tiuj diplomrajtoj favore stimulis la plimultiĝon de la kandidataro. Ĉiujare la nombro superis tiun de la antaŭa jaro per tridek procentoj. Do eksterordinare rapida kaj regula kresko. Jam dum multaj jaroj la ekzameno ne plu okazas nur en Utreĥto. En ĉiu provinco nun oni ekzamenos en unu aŭ du urboj. Sed ĝis nun la skribaj taskoj estas verkitaj por la tuta lando. Komence la ekzameno estis aranĝata de kvar unuiĝoj, nome la neŭtrala MMLO-unuiĝo, la pensionlernejposedantoj, la unuiĝo kalvinana kaj la romkatolika. Post kelkaj jaroj la unuiĝo de pensionlernejposedantoj malaperis. Do tri instruistaj unuiĝoj restis. Poste la katolika unuiĝo apartigis sin. La ĝisnuna harmonio do finiĝis. La lastajn jarojn la romkatolika unuiĝo havas sian propran ekzamenon. La skribaj taskoj enhavas ekz. en la tradukoj el la tri modernaj lingvoj multajn ekleziajn esprimojn. Do ĉi tiu ekzameno havas nepre katolikan karakteron. Por historio oni demandas ankaŭ eklezihistorion.

La neŭtrala kaj la kalvinana unuiĝoj ankoraŭ pace kunlaboras. La ekzameno do komence estis afero de privata iniciativo.

Por ebligi la ekzamenon la kandidatoj mem devas pagi po dek guldenoj. Komence la ekzamenantoj ricevis nur tre malgrandan pagon por vojaĝ-, loĝ-, kaj aliaj elspezoj. Poste la registaro bonvolis doni subvencion. Ĝi rekompence postulis influon en la ekzamenaj aferoj. Nun la estraroj de la unuiĝoj formas komisionon kun kelkaj inspektoroj, nomitaj de la ministro. Ili priparolas kune la tutan aranĝon de la ekzameno, elektas ekz. la ekzamenontojn el la instruistaro de la lernejoj, partoprenantaj la ekzamenon. La inspektoroj posedas krome la rajton rifuzi la diplomon al kandidato, se li ne estas sufiĉe bone instruita. La lastajn jarojn la inspektoraj rifuzoj estas tre maloftaj. Iom pli ol la kvinono el la kandidatoj malsukcesas. Kompreneble la ekzameno influis la programojn de la diversaj lernejoj. Ili multe pli egaliĝis. La nivelo plialtiĝis.

Menciinde estas ankoraŭ, ke por la A-diplomo oni povas forlasi kelkajn instrufakojn. Multaj knabinoj ekz., ne havante matematikajn kapablojn, ne estas ekzamenataj pri geometrio kaj algebro. Multaj kandidatoj de lernejoj kie oni ne instruas librotenadon, demandas esti liberigotaj de tiu parto de la ekzameno.

Sekvo de la ekzameno estas, ke lernantoj same kiel instruistoj energie laboras. La lernantoj ja scias, ke iliaj instruistoj neniel povas helpi ilin dum la ekzameno kaj la instruistoj sentas, ke la honoro de la lernejo estus makulata, se tro multe da lernantoj malsukcesus.

Mia fina konkludo estas jena:

Ĝenerale la ekzameno bone influis la lernejojn, sed postulas miaopinie iom tro multe de la memoro.

Se iu ŝatus scii ankoraŭ ion pri la de mi priparolita temo, mi volonte respondos.

# Pri Esperanta terminaro de psikologio kaj pedagogio.

Paul Bennemann, Leipzig.

Ekstrakto el la parolado en la Dresden-a kongreso (vidu pĝ. 97).

La tendenco en la evoluo de niaj esperantistaj kongresoj ŝajnas esti: La ĝeneralaj kongresoj estu belaj festoj, la fakaj konferencoj faru seriozan laboron! Se estas tiel, baldaŭ fakaj referentoj kaj fakaj verkistoj sentos multe pli ol ĝis nun la mankon de vortaroj aŭ — por malgrandaj fakoj — de vortlistoj por multaj branĉoj el la scienco kaj tekniko. Ĝeneralaj vortaroj ne povas forigi tiun mankon, pro diversaj kaŭzoj. Do oni komencis diligente krei fakajn terminarojn; laŭ listo de la Esperantista Akademio ekzistas nun jam 41 fakaj terminaroj presitaj kaj 50 en prespretaj manuskriptoj.

Inter ili ne estas — bedaŭrinde, sed ne mirige — terminaro por psikologio, pedagogio kaj filozofio. Provoj faritaj ĝis nun sur tiuj kampoj ne kondukis — laŭ mia scio — al sukceso. La provintoj videble ne estis sufiĉe konsciaj pri la grandega malfacileco de sia tasko.

Efektive, tiu malfacileco estas grandega. Ĉar la objekto de tiuj sciencoj estas la psiko, do objekto ne videble metebla antaŭ la okulojn, objekto, pri kies fortoj, efikoj, rilatoj ktp. ekzistas la plej diferencaj instruoj el kelkaj jarmiloj, objekto, pri kies ekzisto eĉ estas dubate. Kaj ĉiu filozofo kreis por si specialan lingvon, t. e. li pretendis, ke la vortoj de li uzitaj — multfoje vortoj uzataj ankaŭ en la ordinara lingvo — estu komprenataj ĉe la studo de lia verko en certa, difinita de li senco, tiel ke ekz. la germana Wahrnehmung, la franca kaj angla perception havas en diversaj verkoj tre diversan sencon.

Ekkoninte ĉi tiujn malfacilaĵojn oni bezonas iom da kuraĝo, se oni volas trovi vojon tra tiu ĥaoso. Nia Leipziga grupo de esperantistaj instruistoj riskis la entreprenon, kvankam ne rapide kaj ne facilanime. Jam kelkfoje ni estis provintaj, traduki modernan psikologian verkon de komenco ĝis fino, por gajni tiel kvazaŭ „implicite“ la troviĝantajn en ĝi psikologiajn terminojn. Sed tiu vojo, pro diversaj kaŭzoj, montriĝis neirebla.

En la pasinta vintro nia grupo komisiis min, prepari novan, pli praktikan vojon al nia celo. Komence de mia laboro mi elektis serion de la plej gravaj psikologiaj fundamentaj esprimoj, kiuj ĉe la pritraktado de pli komplikaj fenomenoj de la psiko estas ĉiam uzendaj (Reiz, Erregung, Empfindung ktp.), Por ĉiu tiu esprimo mi kompilis tekston, kiu ne difinas, sed donas malgrandan eseon pri la klarigenda vorto, montras ĝian genezon, ĝian limojn kontraŭ aliaj, precipe parencaj esprimoj ktp. Tiu ĉi parto de la laboro estis eble la plej malfacila. Ĉar ne estas artistaĵo, trovi novan esprimon, kiu ofte estas akceptata kaj ekuzata nur pro tio, ĉar alia ne ekzistas, ĉar la bezono estas granda kaj ĉar oni pli volonte kontentiĝas je vorto ne tute lerte elektita, ol havi neniun. Sed alia afero estas, determini la sencon de vorto tiel, ke ĝi povas sufiĉi ankaŭ al sciencaj postuloj, precipe sur la tre danĝera kampo de la psikologio. La determino devas esti sufiĉe malvasta, por doni klaran formon al la nocio; sed ĝi estu ankaŭ kiel eble plej vasta, por adaptiĝi al la diversaj psikologiaj sistemoj. El tio evidentiĝas, ke niaj tekstoj estas kompromisaj; sed samtempe klariĝas, ke alia vojo al nia celo ne estas irebla. Kiu volas la celon, tiu ankaŭ devas voli la vojon kaj la rimedojn.

La determina teksto poste estis tre detale, precize kaj subtile esplorata

kaj korektata en la komunaj kunsidoj de la grupo. Ni aldonis al la esperanta vorto la germanan, anglan kaj francan tradukojn kaj serion da derivaĵoj kaj kunmetaĵoj de la traktita vorto.

Laŭ tiu maniero ni pritraktis ĝis nun jenajn esprimojn:

ekscito—Reiz—excitement—excitation
irito—Erregung—irritation—irritation
sensaco—Empfindung—sensation—sensation
percepto—Wahrnehmung—perception—perception
intuo—Anschauung—intuition—intuition (intellectuelle)
ideo—Vorstellung—idea, conception, image—idée
nocio—Begriff—notion—notion.

(La parolanto legis ĉi tie kiel ekzemplon la eseon pri la nocio „sensaco". Ĉar nia revuo en la sekvontaj kajeroj presos la kompletan ellaboraĵon de la Leipziga grupo, ni flankelasas tiun parton de la parolado ĉi tie.)

La tiamaniere ellaboritajn tekstojn ni sendis al 8 samideanoj en 5 landoj, petante severan kritikon. Ne estas facile, trovi por tia tasko kunlaborantojn: ĉar ili ja devas esti spertaj tiel en la Esperanta lingvo, kiel en la psikologio Bedaŭrinde kelkaj petitoj devis rifuzi, aliaj ne respondis. El la reveninta leteroj ni ekkonis, ke oni ĝenerale aprobas nian celon, metodon kaj ĝisnunan rezulton. Post ekzameno de la ricevitaj rimarkoj ni denove tralaboros niajn tekstojn kaj poste prezentos ilin en I P R al la kritiko de la internacia instruistaro sub la titolo: „Provo por ellaborado de esperanta psikologia terminaro".

La mondkonata Psikologia Esplorinstituto de la Leipziga Instruista Unuiĝo iam kaj iam subtenis nian laboron, kvankam ĝi estas iom skeptika pri ĝia rezultoj. Ĉi tiuj kompetentuloj plej bone scias, ke la ĥaoso en la internacia psikologia lingvo fariĝis tiel granda, ke estas tre malfacile, kompreni fremdlingvan verkon el tiu scienco, kaj preskaŭ neeble, ĝuste traduki ĝin. Ili ne povas kredi, ke nia laboro iel plibonigos tiun malbonan situacion. Tial ni petas per tio la gekolegojn en la tuta mondo, ke ili turnu pli ol ordinaran atenton al la prezentota al ili laboro, per kiu ni komence volas atingi almenaŭ jenon: Kiu estonte uzos en scienca verko fakan esprimon troviĝantan en nia listo, tiu estu certa, ke ĝi estos komprenata nepre kaj nur en la senco, kiun ni fiksis por ĝi. Se la aŭtoro volas doni al ĝi alian sencon aŭ eĉ nur nuancon, li devos uzi alian esprimon aŭ devos prezenti sian difinon, kiu tamen povas pretendi validon nur por tiu sola lia verko.

Se ni atingos tion, ni faros tre gravan servon ne nur al Esperanto, sed al la internacia psikologia laboro. La opinio de tiuj rondoj ne povas esti indiferenta al ni esperantistoj. Se al ili ni montros vojon al celo, kiun per siaj metodoj ili ne povis atingi, tiam ni certe akiros la atenton kaj respekton de multaj gravaj sciencistoj; kaj tio ne restos sen bona efiko al la ĝenerala Esperanta movado.

Tial mi petas: Subtenu nin per via kritiko! Ni ne pretendas, esti kreintaj ion tute bonan kaj nepre perfektan. Pro la priparolitaj kaŭzoj tio neniam

estos ebla sur tiu ĉi kampo. Sed per via helpo ni esperas, doni al nia provaĵo la formon kiel eble plej perfektan. Subtila laboro kaj senĉesa diligento ne mankos en nia rondo.

———

# Internacia ekspozicio de higieno Dresden 1930.

Profesoro D-ro med. R. Fetscher, Dresden.

Higieno, la instruo konservadi sanon homan, ŝanĝiĝis rimarkinde la lastajn jardekojn. Ankoraŭ eke de la antaŭa jarcento relative primitivaj proponoj pri vivado privata konsistigis ĝian tutan enhavon; sed la gravaj eltrovoj, ligataj ĉefe al la nomoj Pettenkofer, Robert Koch kaj Pasteur, alkondukis konsekvencan reformon de homa medio. Kanaligo urba, prizorgado de trinkakvo, nova scio pri bakterioj kaŭzis sukceson, ekstermi pli malpli malsanojn ekz. ĥoleron, tifon, ktp., kiuj troviĝis jarcentojn en Eŭropo kaj en la tuta mondo civilizita. La metodoj, per kiuj estis atingitaj tiuj enormaj sukcesoj, estis principe: kontraŭbatali bakteriojn kaj bari ilian vojon al homo.

La meznombra vivodaŭro nuntempe estas dudek jarojn pli alta ol ankoraŭ antaŭ kvin ĝis ses jardekoj; en tiu fakto speguliĝas la sukceso de tiuj faritaĵoj grandparte. Pro tio ne estas mirinde, ke higieno iom post iom estis identigata kun bakteriologio tute aŭ parte, kaj ke ĝi nomiĝis: instruo pri medio. Kiom forte fiksita la opinio estis (kaj estas parte hodiaŭ ankoraŭ) en kapoj de ĉefuloj, tion montras klare la ventego de indigno, kiun Hueppe, gvidanta higienisto el ĵus pasinta tempo, ekscitis je 1895, kiam li riskis, la homon mem nomi la sola objekto de higieno, kaj asertis, ke batalado kontraŭ epidemioj estas nur parta tasko de higieno.

Tamen la ŝanĝo prepariĝis unue per vico da faktoj, kiuj ŝajne estis ekster la regiono higiena, nome fondo de la sociala pormalsanula asekuroj la organizado de akcidento-, invalideco- kaj maljunaĝo-asekuro. Tiuj aranĝoj servas al homa vivcertigo same bone kiel ŝtata gardo kontraŭ infektiĝo — diferenco nur estas, ke ili deturnas danĝerojn en homoj mem. Kiam la organoj de la sociala asekuro post la longedaŭra batalado ankoraŭ unu paŝon antaŭenpuŝis kaj utiligis parton de la rimedoj por profilaktika agado, tiam estis okazanta plej grava antaŭenpuŝo en la regionon de higieno en malvasta senco, estis ekestanta nova multo da taskoj kaj aranĝoj, nomata sociala medicino kaj sociala higieno.

Jam en la jaro 1907 la industriulo Lingner en Dresden ekintencis, montri en internacia ekspozicio tiun sencan ŝanĝon de higieno kaj la tutan aranĝon de porsana zorgado; sed komence li staris antaŭ grandaj malfacilaĵoj. Nur en la jaro 1911 lia projekto sukcesis. La impona sukceso montriĝas ekstere en tio, ke tiu unua internacia ekspozicio de higieno estis unu el la plej maloftaj aranĝoj tiaspecaj, kiuj finbilancis kun financa profito. Ankoraŭ pli grava estis la interna efiko. Centro ekspozicia estis la homo laŭ konstruo kaj funkcioj korpaj. Ĉirkaŭ la homo ĉio cetera grupiĝis.

Unu dekjaron pli frue oni estus farinta tian ekspozicion principe alie: mikroskopo kaj bakterio-kulturoj estus starintaj en la centro. Sekve de la sukceso ekspozicia estis fondata la Germana Muzeo de Higieno, do la spirita

heredanto de l' ideo de Lingner. Sukcesis danke al energio kaj vasta rigardo de l' aferdirektanto D-ro med. h. c. (pro honoro) G. Seiring venadi el etaj ekoj tra malorganizadon de la inflacio al la celo, dum ĉiamaj ekonomiaj bataloj, kiuj minacis la tutan entreprenon, precipe post la morto de Lingner. Seiring, de Lingner mem vokita al sia laborkampo, vidas nun la kronadon de sia penado, daŭrigita dum dudek jaroj senlace, la malfermon de la Germana Muzeo de Higieno en moderna, formperfekta domego, planita de profesoro Kreis.

Kiel la fundamento de Muzeo la jaron 1911 estis metata en kadro de internacia ekspozicio, tiel ankaŭ tia aranĝo okazas ĉe la fino de tiu evoluado. Kiel tiam tiel nun la homo staras centre, en la centro de la ekspozicio de muzeo. Figuroj kaj preparaĵoj, majstre ellaboritaj kune de scienculoj kaj artometiistoj, montras — videble kiel neniam antaŭe — konstruon kaj funkciadon de la korpo kaj ekkonigas fakulon krome, kiom progresis la tekniko montra. Ke historiaj rigardoj ankaŭ ne mankas, tio estas memkomprenebla laŭ ĝisnunaj sciigoj. Aparta grupo „Cent jarojn da evoluado de la higieno germana“ prezentas ŝanĝojn tiutempajn. Vastaj partoj, kiuj pli frue estis en ekaj ekoj, ekz. „atavismo kaj eŭgeniko“ okupas nun vastan lokon, kaj la tuta sociala higieno estas montrata detale.

Higieno estiĝas viva fonto de popola bonstato nur, kiam ĝi, estante persona zorgado por sano, influas vivomanieron de la unuopaj homoj; sekve de tiu penso kaj de ekspozicia ideo de Lingner elkreskis iom post iom precipa tasko de kuracistoj kaj pedagogoj: la tasko de prihigiena popolklerigado. Ĝi utiligas nuntempe ĉiajn ilojn de moderna reklamo, skribon kaj parolon, afiŝon, same filmon. Tial indan lokon en la muzeo okupas montraĵo de tekniko kaj organizado de la prihigiena popolklerigado.

Ampleksa libro „La homo“ verkita de la sciencula direktantaro de Higiena Muzeo (D-ro Vogel) prezentas en facila formo nunan scion pri homo. Ankaŭ tio ne estas hazardo, ke tiu temo estas elektita kaj tute ne verkita populara instrulibro pri higieno, do ankaŭ la plano de la verko ne enhavas kutimajn konsiderojn pure anatomiajn, sed respondas al „biologio“ de homo, alivorte: la plano akcentas la funkcian principon kontraŭe de morfologia. Do la libro estas tute konforma al la agado de la „Eldonejo por popola bonfarto“ kiu estas aligita al la muzeo kaj same kiel la laborejo por instruiloj estas fonto de enspezoj por la muzeo, Cetere la muzeo estas monsubtenata de germana respubliko, ties partoŝtatoj kaj urbo Dresden.

La ekspozicio estas la iom vasta kadro de la Germana Muzeo de Higieno. Kelkaj partoj, ekz. la moderna malsanulejo, allogas fakulojn, kiuj havas eblon tie, ekkoni bonegajn teknikajn instalaĵojn kaj konstrusolvojn je malsanulejo kaj agado en ĝi.

La grupo vere internacia, Placo de Nacioj, enhavas montraĵojn de laŭhigienaj organizoj el multaj landoj, ebligas kompari kaj donas instigojn multflanke.

En aliaj partoj ekz. moderna loĝejo la ekspozantoj intencis, solvi malfacilan taskon: bone unuigi higienan kaj estetikan vidpunktojn — la lasta estas plej ofte jam higiena. La saman oni povas diri pri higieno de vestado, ankoraŭ ne solvita por viroj — praktike kaj konvene. Dankon meritas la sciencula direktantaro de la ekspozicio (profesoro D-ro Süpfle) ankaŭ pro tio, ke ĝi

ne starigis barojn kontraŭ plua evoluo de kelkaj modernaj instruoj ekz. psika higieno.

La malfacilaĵo, financi tian ekspozicion, servantan al sociala celo, kaŭzis, ke ankaŭ industrio mem ekspozas. Estas ĝojige ĉe tio, ke konataj aperoj, kiuj en similaj okazoj okulfrapante ĝenis (ekz. ekspozicio de alkoholaĵoj, laŭ higieno apenaŭ pravigebla), ja ne tute forestas, sed almenaŭ estas iomete pli modestaj, kaj per modela senalkohola gastejo havas ioman kontraŭaĵon, akiritan sufiĉe penplene.

La Dresden-a sportejo „Stadion", ideala konstruita, kaj moderna naĝejo (Georg Arnhold-Bad) estas envicigitaj en la ekspozicia regiono. Korpekzercoj ĉiaj apartenas al la montraĵoj ekspoziciaj kaj restos espereble ĉiam allogiloj.

Ankoraŭ pli grava — laŭ mia opinio — estas io alia, nome tio, ke tie nova ŝanĝo de ekspozado ekmontriĝas: for de senmova prezentado al movo, for de m u z e o al vivo. Ne estu kritiko pri la ekzistanta, se mi mencias precipe tion kaj estas kuraĝa antaŭdiri, ke tia „muzea" ekspozicio eble estu la lasta de tiu maniero sur la kampo de higieno. Tio ne signifas, ke ni estonte povos tute rezigni bildan montron ekz. de homa korpo, — ni bezonos tiajn montraĵojn ĉiam kaj uzos espereble grandskale fakte. Sed n o v a ekspozicio oni povus aranĝi n o v maniere jenon: Parto de urbego el unuetaĝaj domoj, pluretaĝaj ludomoj higiene taŭgaj, sportejoj kaj ludejoj, modelaj lernejoj kaj malsanulejoj, banejoj kaj eble en la centro „domo de sano" kiel centra laborejo por higieno kaj sociala agado kaj kiel m a l g r a n d a muzeo de higieno. Tio ĉi fakte farita, destinita, esti loĝata de homoj kaj servadi al ili: tio ŝajnas al mi la ideala ĉefa ideo de estanta ekspozicio de higieno.

Por tio la mono ja mankas al ni, realigi tian provon grandskale; sed ne estu dirate, ke tio ne estos realigata en estonta tempo, precipe en landoj, kiuj estas pli feliĉaj ol nia.

La internacia ekspozicio de higieno estas finŝtono de evoluo, kiu komencis antaŭ dudek kaj pli jaroj, ĝi garantias la daŭron de la Germana Muzeo de Higieno kaj estas la videbla signo de vivpovo de ideo, kiu ankoraŭ enhavas tiom multe da forto, ke ni la atingitan ne povas ne vidi komenco de plua novo. Kaj pro tio ni deziras, ke la ekspozicio estu bone vizitata kaj havu efikon vivan. Tradukis Kurt Riedel.

---

# Instruista Fakkunsido dum la Internacia Kongreso en Oxford.

Niaj fakkunsidoj dum la internaciaj Esperanto-kongresoj ofte estis malhelpataj kaj pro manko de sufiĉe antaŭe publikigita tagordo kaj ĉar ili ne havis taŭgan lokon en la oficiala kongresprogramo.

Ĉar nia nuna prezidanto de TAGE apartenas al la nacio, kiu gastigos la kongreson, kaj ĉar ni povas esperi, ke multaj anglaj gekolegoj partoprenos ĝin, ni en ĉi tiu jaro kalkulas je granda nombro da partoprenantoj por nia fakkunsido. Des pli ni devas zorgi, ke nia tagordo estu konata jam nun.

Nia fakkunsido estos publika. Ni petas ĉiujn gekolegojn, precipe niajn anglajn gekolegojn, inviti al nia fakkunsido inte-

resulojn, jen el la nombro de la samideanaro ĝenerale, jen el la nombro de neesperantistaj kolegoj, kiuj interesiĝas pri Esperanto kaj pri la temo „Esperanto kaj lernejo".

Interkonsente kun nia prezidanto, kolego G. W. Roome-Sheffield, ni publikigas ĉi tie la tagordon de nia fakkunsido:

Tagordo
por la fakkunsido en Oxford
marde, la 5-an de Aŭgusto
posttagmeze 14.30 h.

1. Salutvortoj de la prezidanto.
2. Raporto pri TAGE (Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj) kaj IPR (Internacia Pedagogia Revuo).
3. Konfirmo de la elekto de nova prezidanto.
4. Raporto pri IALA (International Auxiliary Language Association in the United States, Inc.) kaj „KUNLABORADO" kun IALA.
5. Parolado de Prof. D-ro W. Collinson, Liverpool, pri „Ligo de Nacioj kaj Lernejo".
6. Diskuto de la parolado.
7. Proponoj.
8. Diversaĵoj.

El la tagordo vi vidas, ke ĝi estas sufiĉe ampleksa kaj interesa. Ne nur la oficiala parolado kaj la raportoj, sed ankaŭ ilia diskutado montros al la publiko la taŭgecon de Esperanto, kiel lingvo internacia kaj ĝian pedagogian valoron.

Nia fakkunsido alportu al nia asocio multe da novaj anoj kaj al nia fakgazeto multe da novaj abonantoj.

Estas devo de ĉiu kolego, kiu partoprenos la kongreson, rezervi por nia afero la mardan posttagmezon en la kongressemajno kaj dum ĝi rezigni al ĉiuj aliaj aranĝoj, por ke li povu partopreni nian kunsidon de la komenco ĝis la fino. Ni nur unufoje dum la tuta jaro havas eblecon, kunveni en komuna kunsido!

Ke ni havos — krom la ĉefa tasko, nome: enkonduki Esperanton en la lernejojn — ankaŭ sufiĉe da propagandaj taskoj, ne nur inter la gekolegaro ĝenerale, sed ankaŭ inter la gekolegaro jam esperantigita, tion montru la jenaj plej novaj statistikaj ciferoj de „Kunlaborado". Laŭ sciigo de ĝia sekretariino, f-ino Martha Moelke, ni ĝis 15. VI. 30 povis konstati:

6 081 esperantistajn gekolegojn en 61 landoj
864 Esperanto-kursojn en lernejoj en 38 landoj.

Anoncis sin por nia Korespondo-Oficejo dum 7 monatoj:

2 928 lernantoj kaj 15 klasoj (sen nombro de lernantoj) el 14 landoj
119 gekolegoj el 19 landoj.

Ni zorgu, ke ankaŭ nia fakkunsido helpu plenumi la duoblan taskon:

1. veki la intereson de gekolegoj, kiuj ĝis nun ne fariĝis esperantistoj;
2. havigi al nia asocio resp. gazeto novajn anojn resp. abonantojn.

*

Ĉiuj gekolegoj, kiuj jam hodiaŭ scias, ke ili partoprenos la kongreson kaj nian fakkunsidon, estas petataj, sendi al ni (al la adreso de la subskribita prezidanto de la „Laborkomisiono por TAGE") kiel eble plej baldaŭ mallongan sciigon pri sia partopreno sur simpla poŝtkarto, kiu enhavu la adreson de la sendinta kolego, por ke ni eventuale povu ankoraŭ antaŭ la kongreso skribi al ili.

„Laborkomisiono por TAGE"
D-ro Dietterle,
Leipzig W. 31, Seumestrasse 10.

# Germana Geinstruista Unuiĝo.

Preskaŭ 500 delegitoj de „Germana Geinstruista Unuiĝo", reprezentantaj 150 000 membrojn, kunsidis la 11-an kaj 12-an de Junio en Kassel.

La unuan tagon la prezidanto de la unuiĝo, lernejkonsilisto Wolf el Berlin, paroladis pri „La unuŝtatigado de la regno kaj la lernejo" (vidu ankaŭ la raporton pri la kunsido de Saksa Geinstruista Unuiĝo!).

La kunveno konsentis jenajn tezojn:

a) La unuŝtatigado de la regno devas esti ankaŭ postulata pro lernej- kaj kulturpolitikaj kialoj.

b) Okaze de la unuŝtatigado de la regno la porlerneja leĝdonado ekiĝas tasko de la regno. Ĉe tio estas necesa premiso, ke la altnivelo de la lerneja aferaro, kiel ĝi jam estas atingita en kelkaj partoŝtatoj, ne estu malaltigota per la regna leĝdonado.

c) La lerneja administracio estas tasko de la estontaj regnaj teritorioj; ĝi estas organizenda laŭ la principo de la kolegara administrado (Selbstverwaltung).

d) La preparo kaj la efektivigo de la leĝdonado en la regno postulas porlernejan regnoregistaron, respondecan al la regna parlamento, al kiu asistas interkonsiliĝanta kaj decidanta kune kun ĝi kolegara administrada komitato de fakuloj.

e) La regno progresigos la unuŝtatigadon plej bone per tio, ke ĝi energie eluzas sian rajton, leĝdoni principojn rilate al la lerneja aferaro, plenumas la permesojn de la konstitucio kaj agas laŭ progresa kulturpolitiko.

En pluraj germanaj ŝtatoj nun la estontaj popolinstruistoj estas instruataj en universitato (laŭ konstitucia postulo). Por tiaj geinstruistoj la delegitara kunveno postulis, nedifektante la fundamentan postulon rilate al egala salajro por ĉiuj instruistoj, la egalan salajron, kiun ricevas la oficistoj, ankaŭ klerigitaj en universitato.

La delegitoj protestis kontraŭ la intencoj de la regna registaro, forigi la financan deficiton en la ŝtata budĝeto per kvarelcenta malpliigo de la oficistaj salajroj. La geinstruista unuiĝo konas nature la financan staton en regno, landoj kaj komunumoj, ĝi konas ĝisbaze la ĝeneralan mizeron de larĝaj tavoloj popolaj. Ĝi ankaŭ volas kunhelpi, forigi tiajn financajn kaj socialajn mizerojn, sed ĝi devas postuli, ke ĉiuj popolaj tavoloj laŭgrade de siaj ekonomiaj povoj devu kontribui.

Precipe pro tiu financa mizero de la regno la kunveno ankaŭ postulis, ke la regna registaro altigu ĉiujn povojn de la popolo per laŭplana kulturpolitiko. Neniu rimedo, aplikenda por ŝpari monon, malhelpu aŭ malprogresigu la evoluon de la lernejo pro la estonteco de la germana popolo. La geinstruistaro ankaŭ kontraŭstaros ĉiujn provojn, dependigi instruan enhavon kaj juran staton de la instruistaro de politikaj kaj mondperceptaj influoj.

Ĉeftemo de la dua tago estis „Popola kaj porprofesia lernejoj", kiun pritraktis kolego Zeidler el Hamburg. La gvidanta ideo de paroladо kaj kunvena decido estis la jena:

La nuna, nur historie komprenebla disiĝo de popollernejo kaj porprofesia lernejo devas esti venkota interne kaj ekstere per la energia volo de la interesiĝaj instruistaroj kaj porlernejaj administracioj, vidi ambaŭ lernejspecojn, nedifektante ilian proprecon, kiel unuon kaj denove pripensi kaj organizi laŭ kompleta konstruplano por la tuta kontinua lernejsistemo. La supera klasgrupo de la duagrada lernejo estas envicigenda en tiun ĉi klerigsistemon kiel porprofesia preparlernejo por la intelektaj profesioj.

La delegitaro fine ordigis internajn aferojn kaj bezonojn de la unuiĝo. Ri-

markigebla estas la decido, postuli de la membroj depost la budĝetjaro 1931 eksterordinaran kotizon, por ke estu pligrandigotaj kaj novkonstruotaj necesegaj ejoj por la tri grandaj fakbibliotekoj de la germana popolinstruistaro en Berlin, Leipzig kaj München.

Ankaŭ tiu ĉi kunveno ree celis al la efektivigo de la devizo: Unu regno, unu popolo, unu lernejo, unu instruistaro.

J. K. Haubold.

---

## Saksa Geinstruista Unuiĝo

(proksimume 19 000 anoj) okazigis paskon en Glauchau sian ĉiujaran delegitaran kunvenon. Ĉeestis reprezentantoj de la ministerio, de la parlamento, de la kongresurbo, de la „Germana Geinstruista Unuiĝo". Krom internaj sindikataj aferoj la delegitaro pritraktis 3 gravajn temojn.

Unue paroladis la profesoro de la Leipzig-a universitato, D-ro Freyer, pri „Mondpercepto, edukado kaj lernejo". Li klarigis filozofie la vastan komplekson kaj pruvis, ke la instruisto nur povas efiki kaj eduki per sia personeco. La pretendo de la diversaj mondperceptoj al influo en la lernejo kontraŭas al la ideo pri la kleriglaboro kaj devas esti rifuzata laŭ la strukturo de nia epoko pro la estonteco kaj pro respekto al la estiĝado en la infano kaj en la kulturo.

La kunveno konsentis la postulojn al „Unuŝtatigado de la regno*) kaj la lernejo" proponitajn de super-lernejkonsilisto Wehner el Leipzig. Li bedaŭris, ke la 1918-a revolucio ne nuligis la multŝtatecon de la germana regno. Estas tasko ankaŭ por ni, celi al tiu nuligado kaj al unuecigo kaj per tio al samaj prilernejaj leĝoj por la tuta regno. Oni ja povus timi, ke la saksa lernejaro malprofitos per tio; sed oni ankaŭ devas esperi, ke per tia regna leĝdonado ankaŭ tiuj partoŝtatoj havos avantaĝojn, kiuj ĝis nun ne posedas lernejaron, same altnivelan kiel Saksujo.

Fine la delegitara kunveno daŭrigis siajn lastjarajn laborojn (komparu IPR 1929, n-ro 4, paĝoj 57 kaj 58), pritraktante la temojn pri „La meza klasgrupo en la kontinua lernejsistemo" kaj pri „Popola kaj porprofesia lernejoj". Raportintoj estis kolego Fiedler (Chemnitz) kaj D-ro Riedel (Dresden). Aliformigado de la superaj klasoj popollernejaj laŭ enhavo kaj labormaniero, plivastigo de la devigo al lernejo, reformo de la porprofesia lernejo al lernejo por la profesie laboranta junularo 17—18-aĝa estas la urĝaj taskoj de la saksa geinstruistaro.

J. K. Haubold.

*) Ĝis nun la germana regno konsistas el 17 respublikoj, kies parlamentoj havas ĝenerale la rajton doni leĝojn kaj ordigi siaparte la ŝtatajn aferojn, nature limigite per la reguloj de la regna konstitucio. Laŭ ĝi la regna parlamento donas ankaŭ leĝojn, kiuj validas en la tuta regno.

---

## Ĉefkunveno de Esperanto-Unuiĝo de germanaj instruistoj.

Nia ĉefkunveno antaŭiris la 19-an germanan Esperanto-kongreson, tial ankaŭ multaj ne-instruistaj kongresanoj partoprenis nian aranĝon. Povis esti salutataj jenaj honorgastoj: por la saksa registaro s-ro distriktestro Buck, por la lerneja administrantaro s-roj supera lerneja konsilanto D-ro Fritsch, Dresden, supera lerneja konsilanto D-ro Kraner, Dresden, lerneja konsilanto D-ro Trögel, Grossenhain, kiu ankaŭ kompilis la kongreslibron de la 19-a germana Esperanto-kongreso, por la germana Esperanto-instituto Prof. D-ro Dietterle, por industria kaj komerca ĉambro D-ro H. Arnhold, konsulo de Frenckell, por ambaŭ saksaj pedagogiaj institutoj D-ro Riedel kaj D-ro Schreiber,

Leipzig, por Saksa Instruista Asocio k-o Klemm, Dresden, kaj por Dresdena Instruista Asocio k-o Schönherr, Dresden. Skribe salutis la kunvenon la prezidanto de Germana Instruista Asocio, lerneja konsilanto Wolff, Berlin, kaj la prezidanto de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE), Roome, Sheffield. Korajn salutajn vortojn transdonis de sia organizo la prezidanto de Germana Esperanto Asocio, poŝt-konsilanto A. Behrendt, Berlin.

La prezidanto Schneller, Leipzig, donis mallongan jarraporton. Mi citas jenajn sciindaĵojn: La ĝenerala kunveno de germanaj instruistoj je Pentekosto 1929 en Dresden akceptis la proponon de k-o Schneller, Leipzig, ke estu subtenendaj ĉiuj klopodoj, enkonduki Esperanton en la lernejojn. — La ĉefa laboro estis interna. Leipziga grupo prenis sur sin la taskon, prilabori fakan pedagogian vortliston por scienca uzo. — En kunlaborado kun IALA Prof. D-ro Dietterle organizis internacian korespondadon inter gekolegoj kaj gelernantoj. Ĝis nun anoncis sin 121 gekolegoj el 19 landoj kaj pli ol 3000 gelernantoj el 14 landoj. Oni ebligis eldonon de lernolibro laŭ modernaj principoj de fremdlingva instruado, ellaboris ĝin s-ro Degen. (Ĝi aperos meze de Junio.) El la propagandaj laboroj estas menciindaj la sukcesplena porinstruista kurso laŭ Ĉe-metodo en Berlin. Prof. D-ro Dietterle povis sciigi la plej novajn nombrojn pri statistike fiksitaj instruistoj esperantistaj: En 61 landoj 6078 instruistoj laŭ profesio scipovas Esperanton, kaj en 38 landoj ĉe 861 lernejoj Esperanto estas instruata.

Ĉefe interesis, precipe la gastojn, ĉeĥaj kaj germanaj infanoj el 3 lernejoj (Gohlis ĉ. Dresden, Grossenhain, Weinböhla), kiuj interkonatiĝis ĝis tiam nur per korespondado, persone nur antaŭ unu horo.

Certe ili mirigis kaj instigis kelkajn ĉeestantojn. Fine kiel ano de tria nacio pastro Andreo Ĉe montris, ke estas ebla vere internacia interparolado ankaŭ kun infanoj. Komence la infanoj estis iomete timemaj, sed baldaŭ fluis freŝa kaj bonhumora konversacio aŭ kun unuopaj aŭ kun la ĥoro. Fininte Andreo Ĉe dankis precipe al la instruantoj de tiuj infanoj, ĉar ili faris gravan kaj vere modelan laboron. Ni kune gratulas!

Celo de tiu aranĝo estis nur, montri la eblecon, ke ankaŭ diversnaciaj infanoj povas bone interkompreniĝi. Oni atingis pli. Certe, precipe por la infanoj, tio estis grava travivaĵo, kiu postlasis profundan impreson en la infanoj kaj povas esti pli efika ol iu diplomata ago.

Ke tiu internacia kunlaboro jam sukcesis, pruvu jena letero:

Al s-ro W. Hahn, lernejestro,
Dresden-Gohlis.

Urbestraro de ĉefurbo Olmütz (Olomouc) decidis en kunsido okazinta la 6-an de Junio, vin kaj viajn gelernantojn, kiuj kunlaboris en Dresdeno kun niaj infanoj el Olmütz Neretein, inviti plej sincere, viziti nian historian urbon. Ni ĝojus, se viaj infanoj farus komunan prezentadon kun la lernejo en Neretein en nia urbo. La urbestraro promesas al vi plej eblan subtenon de tiu entrepreno.

Unua anstataŭanto de urbestro:
s. Lang.

Kun tiu oficiala invito alvenis alia de la Esperantista Societo Olomouc.

Por ni la plej grava estis la raporto de P. Bennemann, Leipzig, pri „Pedagogia Terminologio". Li montris, ke la ĉefa laboro nuntempe por Esperanto ne estas farebla en ĝeneralaj kongresoj, sed en fakaj. Tial necesas fakaj vortaroj. Ĝis nun mankas tia por filozofio, pedagogio kaj psikologio. Leipzig prenis sur sin fari la plej malfacilan, la komencon. S-ro Bennemann raportos ankoraŭ sekvonte pri la tuta laboro en IPR. — Tie sekvu nur kelkaj sciigoj pri la modela laboro de Leipzigaj gekolegoj. Preskaŭ nevenkeblaj malfacilaĵoj komenciĝas jam per la aŭtoroj sciencaj mem, ĉar ĉiu esprimas siajn ideojn tute individue. Komenci per

traduko de iu verko tial estas neeble. — Do oni en Leipzig prilaboris kaj difinis por la scienca uzado bazajn terminojn unue en germana lingvo — helpis ĉi tie en grava maniero la psikologia instituto de Leipziga instruista asocio — sekvis post tio hejme traduko en Esperanton kaj komuna korekto, fine traduko en ĉefajn eŭropajn lingvojn kun aldono de derivaĵoj kaj kunmetitaj vortoj. Ĝis nun oni prilaboris jenajn 6 terminojn: ekscito (germane „Reiz"), irito (germ. „Erregung"), sensaco (germ. „Empfindung"), percepto (germ. „Wahrnehmung"), ideo (germ. „Vorstellung"), nocio (germ. „Begriff"). Tiuj provoj estas dissenditaj al 5 diversaj landoj, por ke oni kritiku ilin. Post tio kaj reciproka interkonsento estos aperigebla la unua tia vortlisto. — Ni ankaŭ esprimas nian dankon kaj petas: Helpu al tiu grava laboro, kiu iel povas!

Poste antaŭa prezidanto de TAGE, s-ro A. Neužil, lernejestro en Olomouc-Neredin, Ĉeĥoslovakujo, parolis pri „Harmonio de parolo kaj movo". Li raportis pri klopodoj, ĝenerale plibonigi kaj poluri la parolon de siaj gelernantoj. La geknaboj mem montris la sukceson de tiu laboro. Li paŝon post paŝo observadis bonan akcenton, ĝustan geston kaj la ĝustan esprimon de la tuta vizaĝo. Por kuraĝigi la timemajn infanojn li komencis ĥoran recitadon. Roloj por soluloj antaŭenpuŝis en la ĥoro la talentojn. Oni kreis originalajn recitaĵojn taŭgajn por la infanoj. Fine grava laboro estis, mem kolektive krei melodiojn aŭ laŭ la melodio de la parolo aŭ laŭ la senco de la tuta frazo. Ni dankas al la parolinto pro la laboro, kaj precipe ankaŭ al liaj gelernantoj kun la helaj, freŝaj voĉoj.

Finiĝis la enhavriĉa kaj flua kunveno per debato pri diversaj punktoj. La estraro estas reelektita. — Oni interrilatis kun la germana ligo por la Ligo de Nacioj. Aperis la unuan fojon la gazeto al la tago de la Bona Volo ankaŭ en germana lingvo. La tuta enhavo devas esti pli infaneca kaj necesas, ke ĝi estu disvastigata en plej eble granda nombro. Oni atentigu la gekolegojn pri tiu tago, ĉar bedaŭrinde ĝis nun multaj plenaĝuloj ankoraŭ ne scias pri tiu aranĝo. Serĉenda estas ankaŭ la helpo de radio. — Pli detale Prof. D-ro Dietterle parolis pri infankorespondado. Li treege akcentis la gravecon de tiu laboro, ĉar por la novaj adeptoj estas tute necese, ke ili, kaj precipe la infanoj, ne estu trompataj per neebleco de praktiko. Do oni nun unue firmigu kaj disvastigu tiun laboron. Li petas proponi temojn por premiindaj laboroj (por gelernantoj kaj por geinstruistoj). Necese ankaŭ estas, pli ol ĝis nun publikigi tiun agadon por internacia interkompreno. La gazetaro devas helpi, sed ni ankaŭ devas liveri materialon. Jurnalisto s-ro Köhler-Haussen, Dresden, atentigis, ke oni nur bone pruvu per faktoj al la ĵurnalistaro, kiel Esperanto povas esti al ili tre bona helpilo, la gazetaro certe estos pli vaste kaj pli efike uzebla en la servo de Esperanto. — Finiĝis la tago per vortoj kuraĝigantaj la kolegojn apliki la modernajn principojn de fremdlingva instruado, t. e. labori en la komenco plej eble laŭ rekta metodo.

Ni esperu, ke precipe en tiu lasta senco bone sukcesos la ĉefkunveno: Kuraĝe antaŭen al plua laboro. Rudi Wappler.

---

## 19-a Germana Esperanto-Kongreso

Dresden, 7.—10. de Junio 1930.

En kadro de inda internacia aranĝo, la internacia ekspozicio por higieno, okazis la 19-a germana Esperanto-kongreso de GEA. Ĉirkaŭ 600 personoj partoprenis, inter ili esperantistoj el Anglujo, Aŭstrujo, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo, Finnlando, Japanujo, Jugoslavio, Nederlando kaj Rumanujo.

Komenco estis la ĉefkunveno de Esperanto-Unuiĝo de germanaj instruistoj. Dimanĉe matene oni metis florkronon sur la tombon de s-ino Prof. Marie Hankel. S-ro poŝtkonsilanto Behrendt, Berlin,

varme honoris la meritojn de la lastjare mortintino.

Solena malfermo de la kongreso je la 10-a kaj duono en la festsalonego de la higieno-muzeo. Tiu arangô estis vere modela, ĉar ĝi estis profunda travivaĵo. Je memoro al la 4-a Universala Esperanto-kongreso en Dresden 1908 f-ino Elly Reicher, Berlin, recitis la monologon de Ifigenio, poste oni aŭskultis Mozartan muzikon, Trio-on por fortepiano, violono kaj violonĉelo. Vicprezidanto D-ro Vogt, Stuttgart, salutis la honorajn gastojn: por la saksa registaro D-ron Kraner, Dresden, por la aŭstra registaro konsulon Eiselt, por instruministerio en Hessen s-ron Pfaff, Worms, por germana regna fervojo direktoron D-ron Bloss, por la Internacia ekspozicio kaj muzeo de higieno urban konsiliston D-ron Krüger, por industria kaj komerca ĉambro konsulon D-ron H. Arnhold, Dresden, por la societo de saksaj industriuloj D-ron Wittke kaj diversajn Esperanto-organizaĵojn. D-ro Vogt en sia saluta parolado akcentis precipe la kulturan celon de Esperanto. El la salutvortoj de la honoraj gastoj mi mencias tiujn de la reprezentanto de Internacia ekspozicio kaj muzeo de higieno: Esperanto estu al tiu institucio frato kunbatalanta por la sama celo, sanigi la homaron!

Akurate je la 11.30 horo, ĉar disaŭdiĝis per la Mirag, komenciĝis la festparolado de la prezidanto de GEA, s-ro poŝt-konsilanto A. Behrendt, Berlin: „Vorto kaj bildo en harmonio kondukas en la vivon, raportas pri la mondo.“ Per la trio Vorto — Bildo — Vorto kaj Bildo li elmontris en grandaj trajtoj la evoluadon de homa interkomunikado. Spaco inter la limoj pli kaj pli grandiĝis, sed ĉiam forte mallarĝigis ĝin la parola vorto. Ankaŭ la lasta triumfo de tekniko, kunigo de bildo kun vorto parola, sona kaj mova en parolanta filmo, estas limigata per la parola vorto. Ĉu nun ankoraŭ povas helpi la tekniko? Ne! Ĉar lingvo estas homa kreaĵo. Jam antaŭ jarcentoj homoj transiris la limojn de la parola lingvo: Sanskrit kaj nuna literatura germana lingvo estas ekzemploj por tio. Ĉu tiu postulo ne povas esti ebla en nia tempo de normigo? Necesa ĝi estas, la komuna lingvo krom la naciaj. Ĝi ekzistas en Esperanto. Hodiaŭ estas tempo sincere rememori al la homo, kiu revis pri la estonta homaro kiel vera kuracisto.

En laborkunsidoj oni pritraktis internajn aferojn. Ekzistas nun 31 grupoj. En Berlin okazis lastjare 25 kursoj. Sekvonta kongreso en Hamburg. La honoran insignon pro meritoj je la movado ricevis konsulo Karl v. Frenckell kaj la prezidanto de la saksa esperantista instruistaro lernejestro W. Hahn, Gohlis. Finiĝis la kongreso per bela ĝardenfesto en la Lingner-parko. Oni prezentis inter alio la operon de Mozart „Bastien kaj Bastienne“ en Esperanto. Certe neniu forgesos la belajn horojn. Rondveturado tra Dresden kaj Saksa Svisujo montris al la gastoj nian belan landon.

Danko al la Dresdena grupo, kiu arangis vere festan kunvenon. Lastan dankon al la plej junaj helpantoj, kiuj ĝojigis kaj ardigis ĉiun. La sekvonta generacio jam partoprenas sukcese kongreson! Tio estu bona signo por la laboro, sed ankaŭ admono: Tenu ĝin bone! Rudi Wappler.

---

# Esperanto-rapidkurso de Andreo Ĉe en Dresden.

31. 5.—15. 6. 1930.

Okaze de la 19-a Germana Esperanto-Kongreso Loka Societo Dresdeno de Germana Esperanto-Asocio R. S. invitis pastron Andreo Ĉe, gvidi Esperanto-rapidkurson.

En la granda aŭdejo de Ŝtata artmetia akademio, kies estraro afable disponigis tiun salonegon, s-roj konsuloj K. de Frenckell kaj D-ro H. Arnhold malfermis

la kurson. Andreo Ĉe mem klarigis la neceson de neŭtrala mondhelplingvo. Per viglaj vortoj li desegnis bildon de espero por sia nuna laboro. Tre alta muro staras inter la pastro kaj la gekursanoj. Sidas sur ĝi tre fiere sinjoro tradukanto. Nur per li vortoj estas interŝanĝeblaj. Gravan laboron faru la kurso! Per komuna laboro oni detruu tiun altan kaj dikan muron, por ke je la fino s-ro tradukanto sidu simple inter la gekursanoj, kaj ke oni sen peranto, de buŝo al buŝo, komprenu unu la alian. Tuj, dum la sama vespero oni komencis la plimalaltigon de tiu muro „nekomprenebla".

Ĉirkaŭ 100 personoj atente kunlaboris dum 12 tagoj vespere de la 19-a ĝis la 22-a. Preskaŭ duono inter ili estis komencantoj. Montriĝis en tiu kurso, ke estas necese, en la komenco kuraĝigi kaj kutimigi ilin, ke oni restu kontenta, ankaŭ se ne tuj ekaperas la nacia esprimo konforma al la esperanta. Ĉar nacilingva lingvokutimo estas tiom forta, ke en la komenco neniu kontentiĝas, sentante blankan, malplenan lokon tie, kie li atendas ekaperon de nacilingva esprimo. Tial Andreo Ĉe tradukigis dum la unuaj 3 vesperoj la novajn vortojn. Tie ankaŭ estas loko, paroli pri danĝero. Kaŭzo estas la malnovaj esperantistoj. Ili estas plej ravitaj pri tiu metodo, paroligi onin. Certe multaj inter ili trovas nun la unuan okazon vere paroli kaj kun ĝojo paroli. Sed ili jam kunportas gramatikajn konojn, kaj ili ne bezonas siajn fortojn por plene atenti la gramatikajn evoluigojn, ili uzas ĉiujn siajn fortojn por laŭte tre, tre kuraĝe, ĝoje kaj ravite kaj — tro rapide paroli, tro rapide por la komencantoj. Andreo Ĉe tion scias. Li ofte silentigas la malnovajn esperantistojn. Sed li ne povas ĉiam nur peti pro tio, kaj multaj ne sinregas. Ili forgesas pro sia ĝojo, ke ili treege malhelpas la malfacilan laboron de la instruisto, kiu mem ne plendas pri tio, sed sinregas kaj malgraŭ malhelpo daŭrigas la laboron same atente kaj celkonscie kiel antaŭe. Ĉu ne estus pli bone, se unuavice sinregus tiuj, kiuj pro ĝojo iom tro laŭte montras siajn konojn? Ĉar estas la celo de la kurso, instrui al novaj personoj Esperanton.

Finleciono okazis dimanĉon, la 15-an de Junio. Andreo Ĉe nun klarigis la novan, plej gravan laboron, la praktikon. Li forte petis: Ne forgesu Esperanton, sed legu, skribu kaj parolu! Tenu bone en la kapo la plej gravajn vortojn, la demandajn vortojn, kiuj ja estas la ŝlosilo de la lingvo!

Sinjoro Karsch por la Loka Societo Dresden kaj du gelernantoj por la gekursanoj esprimis koran dankon por la bona, kortuŝa kaj instiganta laboro. Andreo Ĉe dankis al ĉiuj helpantoj, kiuj ebligis tiun kurson, kaj precipe al la novaj personoj, kiuj restis ĝis la fino kaj promesis resti fidelaj esperantistoj. Li esperas, ke li povas fari post unu jaro kontrolon. Ĝis revido!

Ĉirkaŭ 30 personoj daŭrigos la konversaciojn sub gvidado de instruisto. Ili kunvenos minimume 12 vesperojn (ĉiusemajne po 2 horoj). R. Wappler.

---

## Korespondo-Oficejo.

Ĉar intertempe anoncis sin nur 10 novaj korespondantoj, ni ne aldonis novan liston al ĉi tiu numero 7 de IPR, sed atendos pluajn anoncojn kaj aperigos la nomojn de la korespondemaj personoj nur en la venonta numero.

Tiuj, kies nomoj jam estas aperigitaj en niaj listoj 1—5 kaj kiuj ne sukcesis trovi taŭgajn korespondantojn, estas petataj, sciigi nin, por ke ni povu atentigi pri la situacio. Same ĉiuj, kiuj ne plu bezonas korespondantojn, bonvolu sciigi nin pri tio.

Cetere ni estus dankaj, se ni ofte povus aŭdi ion pri specialaj spertoj faritaj dum la korespondado.

Martha Moelke,
sekretariino de „Kunlaborado".

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.